# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 1 (86) februaro 2015**




**en la numero**



**Moskvo, 2015**

# enhavo







## REGo

(Rusia Esperanto-Gazeto)

***№ 1 (86) februaro 2015***

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2015:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 680 rubloj, sendendaj al:*
Кproperтия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

***elektronika abono*** *– 350 rub. (10 eŭr.)*

# BONVENON AL EsPrimo-11!

Ural-Siberia esperantista renkontiĝo *EsPrimo* fariĝis en la lasta jardeko tradicia regiona jarkunveno de esperantistoj. La iniciata grupo de ural-siberiaj esperantistoj anoncas preparojn al *EsPrimo-11*.

Ĉi-jare *EsPrimon* dum la 01-a – 03-a de majo gastigos Ĉeljabinsk – la ĉefurbo de la Suda Uralo, grava industria, scienca, kultura centro, bone atingebla per busoj, trajnoj kaj aviadiloj. La Organizan teamon eniris: Raja Kudrjavceva, Katerina Arbekova, Aleksandr Osincev, Darja Zelenina, Roman Jefremov, Pavel Veselov, Marina Stepaĉova. Komence de marto estos anoncitaj ĉiuj konkretaj detaloj kaj prezoj.

Temo de la renkontiĝo estos "La vojo, kiun ni sekvas". Ĉiu esperantisto elektinte iam la vojon de Esperanto faras komence unuajn paŝojn, poste evoluas kaj perfektiĝas lingve kaj movade, identigas sin kun la internacia komunumo, trovas novajn agadkampojn. La organizantoj de *EsPrimo-11* alvokas ural-siberianojn trakti varian temaron reflektantan la vivon de esperantistoj el pluraj vidpunktoj: motivoj por lerni Esperanton, emancipiĝo pere de Esperanto, regiona kaj internacia kunlaboroj, intelektaj interŝanĝoj ktp. La tutmonda internacia esperantista komunumo vivas en 2015 kadre de la Jaro "Montevideo 60", kies pinto estos la 100-a Universala Kongreso de Esperanto kun ĝia kulturologia temo "Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj". En Rusio startis la Jaro de literaturo, kiu povas sugesti ankaŭ al esperantistoj interesajn agadkampojn. En julio esperantistojn de nia lando bonvenigas en Ĉeboksari Rusiaj Esperanto-Tagoj, logante gastojn per la promesplena titolo "Multlingva Rusio". Ni esperas, ke ankaŭ *EsPrimo-11* mejloŝtone kaj reliefe markos la vojon, kiun sekvas esperantistoj de Ural-Siberia regiono.

Ĉiuj dezirantoj partopreni *EsPrimon-11* povas aliĝi rete ĉe la ttt-ejo <http://ural-sib.org/eo/esprimo-11>. La aliĝintoj devos en marto-aprilo konfirmi sian partoprenon en la renkontiĝo sendinte aliĝkotizon al la Organiza teamo. La aliĝkotizo por la unua aliĝperiodo (ĝis 01.04.2015) estas 400 rub., por la dua aliĝperiodo (ĝis 30.04.2015) – 600 rub., la surloke pagota aliĝkotizo – 800 rub. La aliĝkotizo estas destinita por aktualaj organizaj elspezoj kaj antaŭmendoj kaj ne estas repagenda kaze de la neveno. Kontakti la organizantojn eblas rete <esprimo@ural-sib.org> aŭ telefone – Raja Kudrjavceva (+7-343-2780895), Katerina Arbekova (+7-913-9219498), Pavel Veselov (+7-922-4801151).




Ni renkontiĝu en Ĉeljabinsk!

***La Organiza teamo***

***Julia Patlanj (Kievo, Ukrainio)***

# La vojaĝo de Vasilij Eroŝenko al Anglio

***(laŭ aro de novtrovitaj publikaĵoj el 1912-1920)***

La kreado de la verkisto-simbolisto Vasilij Eroŝenko (1890-1952), ankaŭ lia reala vivo, plu elvokas grandan intereson en la sciencaj rondoj. La intereso estas multe ligita kun funkciado de la Literatura-memoriga Eroŝenko-Muzeo en la vilaĝo Obuĥovka, ankaŭ kun studoj de la internacia scienca-esplora grupo “Vasilij Eroŝenko kaj lia epoko”. Tiu sendependa amikaro de esploristoj aperis laŭ la iniciato de kandidato de filologiaj sciencoj, docento de la katedro de rusa literaturo s-ro Sergeo Proĥorov (Kolomno) kaj arkivisto de Nacia Centro de la Popola Kulturo “Muzeo de Ivan Honĉar” s-ino Julia Patlanj (Kievo). Ekde 2002 la grupo unuigas esploristojn el Rusio, Ukrainio, Japanio, Germanio, Usono.

La jaro 2012, kiam estis verkita ĉi artikolo, estis riĉa je la datoj, ligitaj al la nomo de Vasilij Eroŝenko – japana kaj Esperanta verkisto, naskiĝinta en la vilaĝo Obuĥovka de Staro-Oskola ujezdo (distrikto) de Kurska gubernio, sed nun – en Belgoroda regiono. La datoj: la 100-jariĝo de lia unua vojaĝo al Anglio en 1912, la 90-jariĝo de la apero en Ĉinio de la verko “La fabeloj de Eroŝenko”, la 60-jariĝo post lia forpaso. Krome antaŭ duonjarcento, en 1962, la Belgoroda libroeldonejo eldonis ruslingve la unuan en Sovetio verkaron de Eroŝenko “La koro de aglo”. Kompilis la libron moskva ĉinologo kaj konata verkisto Roman Belousov, kiu en februaro 2012 festis sian 85-jariĝon.

En la artikolo estas prezentataj novaj informoj pri la vojaĝo de Eroŝenko al Anglio dum februaro-septembro 1912. Kelkaj el ili estas unue trovitaj en la lasta tempo. Estas uzeblaj novaj informoj, unuigitaj kaj trastuditaj laŭ




*Vasilij Eroŝenko kaj William Phillimore (1844-1934), 1912. Foto el ‘La Ondo de Esperanto’, 1913. № 1.*

konataj al eroŝenkologoj fontoj, unue kunigitaj de ni en komuna kompleto de dokumentoj pri la vojaĝo en la lingvoj Esperanta, rusa kaj angla. Unue la informaro estis prezentita en konciza formo dum la Dua Eroŝenko-forumo en Belgorodo en oktobro 2012.

Ni persone trafoliumis ĵurnalkompletojn de "The British Esperantist", *"*Casopis Ceskych Esperantistu*",* "Esperanto", "Germana Esperantisto", "Lingvo Internacia", "Pola Esperantisto", "La Revuo", "La Ondo de Esperanto" de 1911-1913, ankaŭ estis uzitaj materialoj de la Muzeo de la patrolanda instruado por blinduloj (Moskvo), Rusia ŝtata biblioteko por blinduloj (Moskvo), privataj arkivoj de eroŝenkologoj s-ro Romano Belousov, s-ro Viktoro Perŝin (kiu forpasis en 2002), s-ro Anatolo Masenko (Kislovodsko), s-ro Aleksandro Ĥarjkovskij (Novjorko), konsultoj de historiisto de la E-movado s-ro Anatolo Sidorov (Sankt-Peterburgo), kuratorino de la ukrainia, belorusia kaj Esperanta kolektoj de la Britlanda biblioteko Olga Kerzjuk (Londono), afable prezentitaj de ili por nia dispono, ankaŭ kolektita kompleto de la Internacia scienca-esplora grupo "Vasilij Eroŝenko kaj lia epoko". La aŭtorino dankas ankaŭ s-ron Valentin Melnikov pro la konsultoj.

La vojaĝo de la blindulo tra kvin landoj (Rusio, inkluzive Pollandon, poste Germanio–Belgio–Francio–Anglio kaj reen) postulis tre skrupulan organizon kaj antaŭpreparon, dokumentan pretigon (rekomendaj leteroj, eble diplomatiaj formalaĵoj), preparon de serioza ekspedo, ne nur per la sinlimigo de la "nura verda steleto sur la brusto", kiel kutimas verki nuntempaj ĵurnalistoj. Pro tio ni havis celon trovi arkivajn atestojn pri la vojaĝo de Eroŝenko, trovi kaj sistemigi la tutan aron de informoj, inkluzive la vaste konatan beletran-dokumentan tekston – la ritmigitan deklamon de Eroŝenko mem[1]. Kiel estas konate, la deklamo estis publikita en la januara kajero de "La Ondo de Esperanto" en 1913. Kelkajn informojn en la revuo en la komenco de la 1970-aj jaroj trovis ankoraŭ Aleksandro Ĥarjkovskij, sed pro iuj kialoj li povis tiam citi nur parton el ĝi.

Aperis la unuaj demandoj: kiujn realajn taskojn celis solvi Eroŝenko mem, kien, kial kaj pro kio li veturis? Kiamaniere la celoj influis lian itineron kaj rezultojn de la vojaĝo? Kiam, de kie kaj en kiu trajno li elveturis, kiam precize kaj per kio li revenis? (Ekzemple, s-ro Aleksandro Pankov rimarkis tute antaŭnelonge, ke *"mankas kredindaj informoj, per kio Vasilij Eroŝenko veturis reen al Rusio. Oni konjektu, ke per la sama maniero,*

[1] Eksterlanda vojaĝo de blinda esperantisto s-ro V.Eroŝenko (paral. rusa traduko de A.Ŝarapova) // La Ondo de Esperanto, 1913, №1 (49), p.7-10.

*ankaŭ kun la samaj renkontiĝoj"*[1].) Kiel sukcesis s-ino Anna Ŝarapova organizi la vojaĝon de Eroŝenko? Kiomgrade kaj pro kio la vojaĝo mem estis unika por la Esperanto-movado antaŭ la Unua Mondmilito? Kiu persone helpis al Eroŝenko dum la vojo, krom s-ino Ŝarapova, ĉar ŝi estis ĉeforganizinto de la vojaĝo kaj koordininto de la esperantistoj? Kiujn E-organizaĵojn de Varsovio, Berlino, Kolonjo, Kaleo, Duvro reprezentis la personoj? Kie, kun kiuj kaj per kiuj rimedoj Eroŝenko vivis? Kion studis, kion faris, kion vizitis Eroŝenko en Anglio? Ĉu partoprenis li en laboroj de E-organizaĵoj, ĉu troveblas spuroj de la "rusa blindulo" sur la paĝoj de la lokaj E-eldonaĵoj de tiu epoko? Ĉu reale Eroŝenko renkontiĝis en Brajtono kun Petro Kropotkin? Ĉu pri lia lernado estas notoj en la arkivoj de RNC – Londona Reĝa Kolegio por blinduloj, ankaŭ pri la tuta vojaĝo – sur la paĝoj de la monda kaj blindulara gazetaro? Kiajn postsekvojn la vojaĝo donis por Eroŝenko mem, ankaŭ por la E-movado - kaj por la instruado por blinduloj?

La vojaĝo de Eroŝenko al Londono okazis dum la jaro de la 25-jara jubileo de Esperanto kaj pro tio estis bone dokumentita: en la gazetaro oni skrupule fiksis ĉiujn sukcesojn kaj atingojn de la esperantistoj. Por la hodiaŭo estas 14 publikaĵoj en la jaroj 1912-1915, ankoraŭ unu (rakonto de Eroŝenko pri vojaĝo en Brajtonon al Petro Kropotkin, publikigita de Kamitiko Itiko en Japanio en 1920) teme kongruas al la aro. En Sovetunio en 1926 pri la vojaĝo de Eroŝenko menciis s-ro V.Ĵavoronkov en la artikolo "Internacia lingvo inter blinduloj".

Parto de la informoj, ekzemple, publikaĵoj en la gazetoj "Lingvo Internacia", "La Ondo de Esperanto", "Slepec" ("Blindulo"), "Vokrug Sveta" ("Ĉirkaŭ la Mondo"), estas bone konataj al la esploristoj. Unu publikaĵon trovis s-ino Olga Kerzjuk en 2010, kvar publikaĵoj estis trovitaj de ni en 2012. Krome, tri-kvar tekstetoj pri la vojaĝo de Eroŝenko estis publikigitaj en Francio kaj Grandbritio. La publikaĵoj pri Eroŝenko estis en la regiona ĵurnalo de la urbo Kaleo, pri kiu mencias s-ino Anna Ŝarapova[2], en Battersio (*«A long report appeared in the Battersea Berough News. The current issue of the Polytechnic Magazine (Battersea) contained an article on Esperanto from the pen of the hon. sec. of the London Esperanto Club»*[3]) kaj Londono (*«The Daily Herald – ever active en good causes – publishes an interesting communication from the Secretary of the London Klubo, re-*

[1] A.A.Pankov. Po sledam Vasilija Eroŝenko [Laŭ spuroj de Vasilij Eroŝenko]: manuskripto. – Kislovodsko, 2003, p.13.
[2] Oni laŭdas! // Esperanto (Rotterdam), 1912, № 119, 20 marto, p.76.
[3] P.J.C. The Federations…// British Esperantist, 1912, majo, № 89, p.92.

*garding the utility of Esperanto en travel»*[1]). Ni esperas, ke ĉi tiuj tekstoj troveblos estonte.

Laŭ la rezultoj de nia esplora laboro oni povas konkludi, ke la vojaĝo de Eroŝenko havis reeĥon ne nur en 1912, sed en pluraj konkretaj prezentoj pri uzo de Esperanto fare de blindularo en 1913, estis diskutita dum la Kongreso de blinduloj en Vestminstero (Grandbritio) en 1914, aperis publikaĵo en Usono, kies resumon publikigis en Rusio "Ĵurnal Ministerstva narodnogo prosveŝĉenija" ("Gazeto de la Popolkleriga Ministerio") post unu jaro, ankaŭ prezento de la raporto fare de s-ino Anna Ŝarapova en la Dua Tutrusia Kongreso Esperantista en Kievo. Post ok jaroj pri sia vojaĝo al Anglio Vasilij Eroŝenko rakontis al siaj japanaj amikoj.



*Anna Ŝarapova (1863-1923) kaj ŝia fratino Pavla (nask. Ŝarapova, 1867-1945), edzino de Pavel Birjukov (1860-1931), sekretario de Lev Tolstoj.*

Laŭ la prezentitaj informoj multaj el la demandoj jam estas solvitaj. De alia flanko, ja niajn sciojn pri la Esperanto-movado en menciitaj landoj de Eŭropo, ankaŭ pri la metodikoj de la instruado por blinduloj, kiujn oni praktikis antaŭ cent jaroj, necesas plivastigi. Ĝuste pro tio komence de 2012 ni sendis demandarojn al la E-organizaĵoj de Pollando, Germanio, Belgio, Francio kaj Anglio por esploristoj de frua periodo de la E-movado kun propono pri komuna projekto de esploro pri la vojaĝo de Eroŝenko okaze de ĝia centjariĝo. Ni intencis prezenti la itineron de Eroŝenko en du kronologiaj niveloj – 1912 kaj 2012, por serĉi kaj unuigi tiuepokajn fotojn de la stacidomoj, lernejoj por blinduloj, oficejoj de la E-organizaĵoj, kiujn Eroŝenko vizitis, ankaŭ la fotojn de personoj – pioniroj de la blindula E-movado, kiuj helpis lin. Ekzemple, estas vaste konata la foto de Eroŝenko kun s-ro W.Phillimore en Londono, publikigita en "La Ondo de Esperanto" en januaro 1913[2]. S-ino Olga Kerzjuk metis vicon da fotoj de britaj pioniroj de la E-movado, helpintaj al Eroŝenko, en Interreto, kio igis nin esperi pri simila

[1] Coming events. London. International Helpfulnnes // British Esperantist, 1912, junio, № 90, p.102.
[2] La Ondo de Esperanto, 1913, №1 (49), p.9.

projekto. La nuntempaj fotoj de la samaj lokoj helpus konkretigi, kio estas konservita laŭ la itinero de Eroŝenko post la Unua kaj Dua Mondmilitoj.

Diference de la skribaj petoj de s-ino Anna Ŝarapova antaŭ cent jaroj, ni je niaj petoj ricevis nenian reeĥon. La fakto atestas, laŭ nia opinio, pri la konsiderinda regreso de la nuntempa E-movado, inkluzive servon de la esperantistoj-helpantoj, t.n. "delegitoj" en la koncernaj landoj. Manko de la dialogo inter la E-organizaĵoj de Eŭropo malebligas ricevi informojn pri ilia historio, pri la estraro kaj la instruplanoj de la blindularaj institucioj, kiujn vizitis Eroŝenko, ktp.

Tamen oni iom da informoj ricevis.

Ni unue rekonstruis la itineron de la vojaĝo de Eroŝenko konsiderante lian restadon en Anglio laŭ publikaĵoj de William Merrick kaj William Phillimore en 1913-1914: Moskvo – Varsovio – Berlino – Kolonjo – Bruselo – Kaleo – Duvro – Londono – Saŭsviko (apud Brajtono) – Brajtono – St.-Leonarde-on-Si – Londono – Sankt-Peterburgo – Moskvo.

Laŭ analizo de la publikaĵoj en 1912-1915 ni precizigis datojn de la komenco kaj fino de la vojaĝo de Eroŝenko, kio ebligas dokumente refuti multajn misinformojn pri tio, ke Eroŝenko kvazaŭ finstudis Londonan Reĝan Kolegion por blinduloj, ricevinte tie superan kleron. Ni sukcesis ankaŭ precizigi informon pri la reveno de Eroŝenko al Rusio en septembro 1913.

La vojaĝo de Eroŝenko startis en Moskvo la 6-an de februaro (laŭ la malnova stilo; la 19-an februaro laŭ la nova stilo) 1912 kaj finiĝis la 7-an septembro (la 20-an de septembro) 1912 per la alveno al Sankt-Peterburgo laŭ vojo al Moskvo.

En lundo la 6-an (la 19-an) de februaro 1912 Eroŝenko veturis el Moskvo al Varsovio per trajno en vagono de la tria klaso. En la stacidomo lin adiaŭis liaj amikoj. Ni preskaŭ ne scias – de kie, je kioma horo kaj en kiu trajno li veturis. Plej verŝajne li veturis de Bresta (nun Belorusa) stacidomo en Moskvo al la samnoma stacidomo en Varsovio, kie lin renkontis neniu. Kiel poste klarigis s-ino Anna Ŝarapova, renkontonto s-ro Hirszowski dufoje atendis Eroŝenkon en Bresta stacidomo, sed ial ne renkontis lin. Kiel rimarkis s-ro Viktoro Perŝin, supozeble nek Anna Ŝarapova nek Eroŝenko mem sciis pri la ekzisto en Varsovio de du stacidomoj – temas pri la Centra kaj Orienta laŭ vojo al Berlino[1].

Dank' al anoj de IFEF ni trovis fervojhoraron por februaro 1912. Evi-

---

[1] Impuls Eroŝenko: Ĵizneopisanie: Skazki slepogo poeta, poznavŝego mir [Impulso de Eroŝenko: Vivpriskribo: Fabeloj de la blinda poeto, ekkoninta la mondon] / Aŭtoroj-kompilintoj V.J.Lazarev, V.G.Perŝin. – Moskvo, 1991, p.40.

dente la trajnoj, per kiuj povus veturi Eroŝenko, estis la pasaĝera № 5 (forveturo je 20-30) kaj la poŝta № 3 (forveturo je 22-10). Se Eroŝenko elveturis el Moskvo vespere la 6-an de februaro, do li alvenis Varsovion la 8-an de februaro je 9-05 (per la trajno № 5) aŭ je 15-30 (per la trajno № 3).

Necesas konsideri, ke konfuzaĵoj pri la datoj kaj mistajpoj estas jam en la publikaĵoj de 1912. Kialo estas ne nur la manfarata komposto tipografia. Tio okazis ankaŭ pro la diferenco de la dataj stiloj, kiam Eŭropo vivis (ankaŭ la trajn- kaj ŝiphoraroj estis kompilataj) laŭ Gregoria kalendaro – do laŭ nova stilo, sed Rusia regno uzis Julian kalendaron, inter kiuj la diferenco estis 13 tagoj.

Konsiderinte tion oni bone komprenas la maltrankvilon de Eroŝenko antaŭ la alveno en Berlino – lia unua eksterlanda urbo, ja aliiĝis ne nur la lingvo kaj regionoj, ankaŭ horzonoj kaj kalendaro mem! Ne estas kompreneble de kio aperis informo de s-ro Aleksandro Ĥarjkovskij[1] pri la alveno de Eroŝenko en Londonon la 14-an de februaro. La dato povus esti preciza nur se ĝi kongruas kun la malnova stilo, do tiam post la elveturo el Moskvo pasis 8 tagoj (laŭ la eŭropa kalendaro tio estas la 27-a de februaro).

Venas precizaj informoj pri la financa flanko de la vojaĝo – evidentas, ke Eroŝenko pagis ne la tutan vojaĝon el propra poŝo.

Ĉi tie ni citas laŭvorte la artikoleton de s-ino Anna Ŝarapova en "La Ondo de Esperanto", en kiu ŝi laŭnome prezentas personojn, kiuj akompanis Eroŝenkon laŭ lia itinero.

> *"Moskva blindulo, esperantisto s-ro Eroŝenko, lerninte esperante kaj angle kaj dezirante perfektiĝi je ambaŭ lingvoj, la 9-an (la 23-an) [1] de februaro forveturis tute sola, la unuan fojon Londonon. Esperantistoj de diversaj landoj helpis lin survoje. Varsovia Delegito s-ro Hirszowski, publicisto, dufoje veturis al la stacidomo, sed ne renkontis s-ron Eroŝenko. Jam en Berlino esperantistoj, kiel skribis s-ino Sofio Motard, vizitis kun li Reĝan Blindulejon.*
>
> *En Köln li pasigis vesperon ĉe Esperanta Societo dank' al la klopodoj de la Delegito s-ro Max Coblenzer, telegrafa oficisto. La konataj blindaj esperantistaj geedzoj Zapater-de-Chalmont (hispano kaj germanino) ankaŭ partoprenis je lia akcepto.*
>
> *Delegito de Calais – leŭtenanto Léelancher kaj Vicdelegito s-ro Perrin, presisto, havis la bonecon aĉeti bileton ĝis Londono, finekspedi lian pakaĵon, kaj konduki lin sur la vaporŝipon. La Dover-*

[1] A.S.Ĥarjkovskij. Ĉelovek, uvidevŝij mir (Dokumentalnaja povestj o V.J.Eroŝenko) [Homo, kiu ekvidis la mondon (Dokumenta rakonto pri V.J.Eroŝenko)]. – Moskvo, 1978, p.41.

*a Delegito, s-ro Finez plej zorge elŝipigis s-ron Eroŝenko kaj, envagoniginte lin, telegrafis al la Londona Delegito.*

*En Londono s-ro Eroŝenko estis bone akceptita ĉe gesinjoroj Blaise.*

*La noblaj agoj de la cititaj reprezentantoj de U.E.A. instigu ankaŭ aliajn agi simile! F-ino A.Ŝ."*[1]

Oni povas konkludi, ke evidente amikoj de Eroŝenko, kaj precipe s-ino Anna Ŝarapova, planis helpi al li havigi trankvilan kabinetan profesion de sekretario-tajpisto, kia estis tiam nova por la blinduloj kaj povus estonte garantii lian vivon. Kun tio ĉi estas ligita epizodo pri la aĉeto de originala tajpilo "Stainsby", kiu povas tajpi jen per la brajlo, jen per la ordinara literaro. Tamen, kiel oni konjektas laŭ lia teksto, Eroŝenko opiniis sin esperantisto-propagandisto inter la blindularo, simile al famaj tiuepoke prelegantoj Edmond Privat (Svislando) kaj Donald Parrish (Usono), kiuj entreprenis mondajn turneojn por propagando de Esperanto, inkluzive urbojn de Rusia imperio.

Finrezulte anstataŭ sekretario-tajpisto havigo de la portebla tajpilo donis al la mondo migrantan esperantiston kaj verkiston-simboliston. Estas grave, ke la tajpilo konserviĝis en urbo Belgorodo inter la nemultaj memorigaj objektoj, restintaj de Vasilij Eroŝenko. Laŭ buŝaj informoj de s-ro Anatolo Masenko (Kislovodsko), al li transdonis la tajpilon amikino de Eroŝenko, esperantistino kaj muzikistino, aŭtorino de la brajla muziknota skribo s-ino Zinaida Ŝamina, kiu donacis ĝin al Belgoroda ŝtata historia-regionesplora muzeo, kie la objekto kun interesega historio estas deponita dum multaj jaroj.

Kiel la celo de la vojaĝo de Eroŝenko estis elektita Londono, ĉar en Anglio tiuepoke estis la plej evoluinta metodiko de klerigado por la blindularo. Krome, tiaman Reĝan kolegion por blinduloj estris blinda s-ro Campbell, kaj ĝuste pro tio edukatojn de la kolegio oni instruis memstare orientiĝi kaj moviĝi: s-ro Jakobo Kolubovskij aparte notas malfacilan reliefon de la areo, malglatan lokon, kie situis la kolegio, speciale konstruita por ellaboro de la kutimoj por orientiĝo en la spaco[2].

S-ino Anna Ŝarapova tiuepoke povis scii pri la klerigado de la blindularo en landoj de Eŭropo kaj Rusia imperio laŭ enciklopedia vortaro de Brockhaus kaj Efron:

---

[1] F-ino A.Ŝ. Helpemo de esperantistoj // La Ondo de Esperanto, (Moskvo), 1912, № 4 (aprilo), p.76-77.

[2] J.Kolubovskij. Meĵdunarodnij sjezd po delam slepiĥ v Londone [Internacia kongreso pri blindulaj aferoj en Londono]. – Petrogrado, 1915, p.12-13.

*“Nuntempe ekzistas malmulte da institucioj, kiuj estus destinitaj ekskluzive por prizorgo de plenaĝaj B. [=blinduloj]: se la lastaj ne povas restadi en siaj familoj, do por tiuj estas pli oportune esti prizorgataj en bonfaraj institucioj kune kun malblinduloj. Entute institucioj por prizorgo de B. ekzistas jenakvante: en Germanio – 9, en Aŭstri-Hungario – 2, kun 17 B., en Svislando – 1, kun 13 B., en Danlando – 2, kun 57 B., en Norvegio – 1, kun 16 B., en Svedio – 1, kun 24 B., en Nederlando – 5, kun 195 B., en Belgio – 1, kun 73 B., en Anglio – 38, kun 1622 B., en Francio – 3, kun 2552 B., en Italio – 2, kun 240 B., en Usono – 6, kun 200 B., en Aŭstralio – 3, kun 35 B.”*[1].

Laŭ la informo oni vidas, ke en Anglio estis la plej granda kvanto de la porblindulaj institucioj kaj granda kvanto de la prizorgataj blinduloj. Ankaŭ estis bone evoluinta sistemo de prizorgo de la blindularo en Germanio kaj Francio. Oni povas konkludi, ke la itinero estis ellaborita kun konsidero de la informo, ankaŭ celo de Eroŝenko estis ne nur ĝisveturi Londonon, sed ankaŭ viziti kaj aprezi la plej grandajn instituciojn por blinduloj en Rusio (Varsovio) kaj en eŭropaj landoj: en Berlino-Ŝteglico, Bruselo, Londono. Konklude, post reveno el la vojaĝo, Eroŝenko povus havigi spertojn pri la klerigado de blindularo en Rusio (Moskva lernejo por blinduloj, Varsovia instituto por la surdomutuloj kaj blinduloj), en Germanio, Belgio, Anglio. Eĉ pli, la studo en la Londona Reĝa kolegio por blinduloj permesis estonte instrurajton por ceteraj blinduloj.



*Abato Austino Richardson (1843-1913), prezidanto de IKUE – Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista en 1912*

La akcento de la vojaĝo je instruado de Esperanto por ceteraj blinduloj estas konfirmita el noto de s-ino Anna Ŝarapova en la teksto “Ekssterlanda vojaĝo de blinda esperantisto s-ro V.Eroŝenko”, ke en Bruselo Eroŝenkon devus renkonti abato Richardson, s-ro Mathieux kaj Frato Izidoro, “*modele starigintaj instruadon de Esperanto en Brusela Reĝa Instituto por blinduloj*”[2]. Necesas aparte noti la kunagadon de la esperantistoj, laborantaj kun

[1] Slepota. Slepije [Blindeco. Blinduloj] // Enciklopediĉeskij slovarj Brokgauza i Efrona [Enciklopedia vortaro de Brockhaus kaj Efron]. V. 30 (59). – Sankt-Peterburgo, 1900.

[2] La Ondo de Esperanto, 1913, №1 (49), p.9.

blinduloj en Belgio – el tio kompreneblas, ke al la alvoko de s-ino Anna Ŝarapova pri la helpo por Eroŝenko reeĥis tute ne hazardaj personoj. Sed ili estis repezentantoj de la katolika kredo, sur kiuj apogadis sin filantropaj organizaĵoj en Eŭropo. Krom la esperantismo, tio ĉi ankaŭ malebligis mencii ilin en la sovetia epoko.

En la ekzistantaj publikaĵoj pri la vojaĝo de Eroŝenko al Londono mankas atento pri tio, ke s-ino Anna Ŝarapova persiste serĉis financadon ĉe la filantropoj. Ŝi plurfoje memorigis:

*“ – Juna moskva blindulo, S-ro Eroŝenko, lernis proprapene Esperanton kaj anglan lingvon; li prenis sesmonatan forpermeson el la orkestro, en kiu li ludas violonon, kaj la 19 de Februaro veturis tute sola Londonon, dezirante perfektiĝi en angla lingvo, ĉar per ĝi li esperas atingi pli da instruiteco. Helpita survoje de diverslandaj delegitoj de U.E.A., li estis bone akceptita de Ge-sinjoroj Blaise en Londono, kaj ili kondukis lin al sperta esperantisto, S-ro Phillimore, maljuna angla instruisto. Tiu ĉi zorgas pri la instruado de S-ro Eroŝenko kaj eĉ prezentis lin al Norwood College: tie lin akceptis Lady Campbell kun blinda instruisto S-ro Pearson, kaj esperigis, ke post unu aŭ du monatoj, kiam li pli bone scios la anglan lingvon, li povos pasigi monaton en tiu ĉi kolegio por sia instruado. S-ro Eroŝenko, reveninte Rusion, povos esti instruisto pri Esperanto, pri angla lingvo kaj diversaj novaj scioj akirotaj de li en Anglujo. Lia kuraĝa vojaĝo por alta celo ne povas esti seninteresa al ĉiuj tiflofiloj. Tiu, kiu deziras pli detale konatiĝi kun tiu ĉi afero, bonvolu sin turni al lia Londona zorganto: S-ro W. Phillimore, 66, Earsfield road, Wandsworth (Common), London, S.W., Anglujo”.*[1]


*Margaret Blaise (nask. Jones, 1878-1935) en 1913 (foto el blogo de Brita Biblioteko, trovita de Olga Kerziouk)*

*“... Edukito de la moskva lernejo por blinduloj – la 22-jara V.Eroŝenko, dum 2-3 jaroj violonludinta en blindula orkestro en diversaj moskvaj restoracioj (eĉ en Soĉio, Kaŭkazio, somere 1911), tiom profunde ellernis Esperanton ke, ĉefe dank’ al angla-Esperanta*

[1] Vojaĝo de rusa blindulo // Lingvo Internacia (Paris), 1912, № 5 (majo), p.192-193.

*brajla vortaro, al londonaj gazetoj kaj libroj, ankaŭ korespondado kun esperantistoj el Anglio, rapide ekposedis ankaŭ la anglan (eĉ mirigas la anglojn per sia scipovo de la angla stenografio por blinduloj). Fine li prenis sesmonatan ferion en la orkestro kaj la 6-an de februaro ĉi-jare forveturis tute sola en triaklasa fervoja vagono al Londono /.../ Londona Delegito kaj ties edzino s-ino Blaise dum 10 tagoj provizis lin en sia vegetara pensiono kaj poste gastigis lin en trankvila urboparto de Londono apud loĝejo de 67-jara instruisto, bone posedanta Esperanton kaj brajlon. S-ro Phillimore prezentis por li plenprovizan restadon kontraŭ 28 rubloj por monato, kondukas Eroŝenkon al kunvenoj de anglaj instruistoj, dume mem instruas al li la anglan lingvon (laŭ aktuala informo, kun Eroŝenko kunlernas malblinda franco). S-ro Phillimore zorgis eĉ pli: li konatigis Eroŝenkon kun gelordoj Campbell, kiuj estras tre faman kolegion por supera klerigo de blinduloj en Norwood, apud Londono. Tion ĉeestis ankaŭ loka blinda instruisto Pearson. Lordino Campbell esprimis esperon, ke post 1 monato, post kiam s-ro Eroŝenko pli profunde posedos la anglan, oni povos anigi lin en la kolegio por 1 monato.*



Sir Francis Joseph Campbell (1832-1914), la unua direktoro de la RNC kaj lia edzino Sophia Campbell (1848-?), instruistino por blinduloj

*V.Eroŝenko kuraĝis veturi al Londono je tute malgranda kapitaleto el propra salajro en moskva orkestro, kaj estus tute dezirinde, se li trovus monhelpon ankaŭ de samlandanoj helpe al sia soifo pri kleriĝoj. La plej utila estus, se li povus studi en Norvuda kolegio, kie estas praktikata gimnastiko por blinduloj sur freŝa aero k.t.p. Ankaŭ estus bone, se li povus ekhavinte enporti al Rusio, kiel klerigilon, ankaŭ novan profesion por blinduloj: perfektigitan londonan tajpilon, per kiuj la blinduloj povos skribi kaj por blinduloj, kaj por malblinduloj.*

*Entute, se V.Eroŝenko ne estos devigita pro manko de mono tro*

*rapidi al Rusio, li revenos al sia patrolando kun provizo de novaj scioj kaj spertoj kaj povos servi por plua klerigo, plibonigo de la sortoj de la blinduloj kaj ties korespondado tra la tuta mondo kun siaj samsortanoj, malhavantaj fizikan vidkapablon, ankaŭ kun malblinduloj, kiuj povas rekoni blinduloj kiel fratojn"*[1].

Bedaŭrinde, la planitaj renkontiĝoj en Varsovio kaj Bruselo ne okazis, sed en Berlino Eroŝenko unue veturis al Ŝteglico, por havigi scion pri la organizo de la Pruslanda Reĝa Instituto por blinduloj, kiu estis malfermita en la unua triono de la 19-a jarcento kaj funkcias ĝis nun (la konstruaĵoj tre serioze suferis dum la Dua Mondmilito). Nun tie funkcias la fama Berlina Blindula Muzeo nomita laŭ Johann August Zeune. Muzeo de blinduloj en Rotenburgstrato en la distrikto Ŝteglico havas konstantan ekspozicion pri la historio kaj problemaro de blindeco. Granda parto de la eksponaĵoj estas destinita por palpi kaj sensi.



*Sir Cyril Arthur Pearson, 1st Baronet (1866-1921), prezidanto de la Nacia Instituto por Blinduloj de 1912*

La lernejo por blinduloj, kien oni promesis anigi Erosenkon, tiutempe titoliĝis "Royal Normal College for the Blind, Upper Norwood" – "Reĝa normala kolegio por blinduloj, Supera Norvudo", aŭ "the Royal Normal College and Academy of Musik for the Blind" (RNC) – "Reĝa normala kolegio kaj Akademio pri muziko por blinduloj". La kolegio situis en arbar- kaj montethava loko, kie apudis unufamiliaj domoj de riĉaj angloj. Ĉi tie estis "Monteto de ciganino" – laŭ legendo, en la 18-a jarcento ĉi tie vivis kaj forpasis en la aĝo de 109 jaroj reĝino de la ciganoj.

Pri la restado de Eroŝenko en la kolegio estas skribnoto № 1350, p.367-368 en la registrolibro de la lernantoj: li estis instruata de la 20-a de majo ĝis la 23-a de julio 1912, venis por limigita tempodaŭro. Unue tion trovis, ricevinte respondon kontraŭ sia informpeto el kolegia arkivejo s-ro Anatolo Masenko ankoraŭ en 1973[2]. La ripeta in-

[1] Puteŝestvije russkogo slepca v London [Vojaĝo de rusa blindulo al Londono] // Slepec [Blindulo]: Sankt-Peterburgo, 1912, № 8, p.133-134.

[2] A.Pankov. Novoje o Vasilii Eroŝenko [Novaĵoj pri Vasilij Eroŝenko] // Sobesednik [Kunparolanto]: Voroneĵo, 1973, № 2-3, p.142-147.

formpeto al la Reĝa Kolegio kaj Akademio, laŭ nia peto, estis farita de David Pardue (Usono). Ni sincere dankas lin pro la helpo, ankaŭ la direkcion de RNC – pro la prezento de la kopiita dokumentaro kaj permeso uzi ĝin. Do, neniu eĉ intencis forigi Eroŝenkon ĉar venis fino de la tempodaŭro de lia instruiĝo en la kolegio: li studis ne dum unu monato, kiel estis promesite, sed dum pli ol du monatoj.



*Poŝtkarto el Londono kun autografo de William Percy Merrick (1868-1955), adresita al blinda E-isto Ints Ĉaĉe, Latvio, 1923*

Kio okazis al Eroŝenko poste, ni scias laŭ prelego de William Merrick "Esperanto kaj blinduloj", kiun en 1914 publikigis Usona federacio de blinduloj. En la diskuto partoprenis William Phillimore, kiu rakontis pri la vojaĝo de Eroŝenko. Oni diskutis la bezonon pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn por blinduloj, kaj kiel argumento estis uzitaj pozitivaj spertoj de la vojaĝoj de Eroŝenko, de blinda finno s-ro Bergh kaj de ceteraj blinduloj. Ĉar la suprecitita informo estas unue enkondukata de ni en la sciencan medion kaj estas sola kredenda atesto pri la restado de Eroŝenko en Anglio, ni citu ĝin komplete en la angla:

> *«After that he spent two weeks at Southwick, near Brighton, four weeks at St. Leonards-on-Sea, and one week more with me, until in September I saw him off from Millwall Docks for St. Petersburg. On his return to Russia he dictated an account of his journey which appeared in the Russian Journal «La Ondo de Esperanto» together with a portrait of him and myself. This is how he finishes his narration : — " Yes, I can now say that Aladdin's lamp could not have helped me more than the little green Esperanto star ; I am certain that no genie of Arab fables could do for me more than the genius of actual life, Dr. Zamenhof, the author of Esperanto." Last week I received a letter from a Russian lady, Miss Sarapov, telling me that Mr. Erosenko had gone to Japan for a year to learn massage, and that he was met in Tokio by an Esperantist professor. During Erosenko's visit I was corresponding with a blind Finnish author whom I met in Antwerp at the Congress of 1911, and who had previously corresponded with Mr. Erosenko. My Finland friend, Mr. Bergh, journeyed to St. Petersburg to meet Erosenko on his return, but un-*

*fortunately missed him. Writing to me after the event he said : — "We were all the time accompanied by our Esperantist friends, who explained to us all the wonderful sights, and we formed, as it were, a little international congress, for neither the Bulgarian nor myself understood the Russian language; and though I did not attain the object of my visit I shall always look back with pleasure to the few days I spent in St. Petersburg." During the last seven months — that is, since December 1st, when I met him at King's Cross — this same Mr. Bergh has been living near to me for the purpose of learning to read English Braille and of acquiring a knowledge of English generally; in which he has made good and rapid progress. In our walks together a friend once asked him if he had found Esperanto very useful»*[1].


№ 1 LA ONDO DE ESPERANTO. 7

**Monoferoj.**

**Заграничное путешествіе слѣпого эсперантиста В. Ерошенко.**

**Eksterlanda vojaĝo de blinda esperantisto s-ro V. Eroŝenko*).**

La artikolo en la gazeto "La Ondo de Esperanto" donas aldonajn detalojn pri la vizito de Bergh al Eroŝenko, kaj samtempe – la daton de veno al Rusio:

*"La 5-an de Septembro tien ĉi alvenis finna samideano s-ro Bergh (blindulo) el Borga kun sia edzino kaj fratino. Ili ne parolas ruse kaj dum sia kvartaga restado tie ĉi estis akompanataj de lokaj samideanoj en la ekskursoj tra Peterburgo. La 7-an de Septembro Peterburgon vizitis, traveturante en Moskvon, s-ro Eroŝenko, ankaŭ blindulo, kiu estis renkontita kaj helpita de peterburgaj esperantistoj. Petr. K.*"[2].

Eroŝenko mem poste rememorante rakontis tiel:

"*Kaj nur en Septembro 1912 mi min turnis ree al la helpo de Peterburgaj esperantistoj, petante ilin helpi al mi dum mia reveno Rusion. Ili akceptis min kun vera rusa simpleco kaj gastemeco*"[3].

---

[1] W. Percy Merrick. Esperanto and the Blind // American Foundation For the Blind inc. C. F. F. Campbell Report of the International Conference on the Blind. Exhibition of the Arts and Industries of The Blind, the Chruch House, Westminster, June 18th to 24th (inclusive) 1914. Printed by Brudbury, Agnew, Camp; CO.LD, p.550-563.

[2] La Ondo de Esperanto, 1912, № 11 (novembro), p.171-172.

[3] La Ondo de Esperanto, 1913, №1 (49), p.10.

Nun oni povas certe paroli pri tio, ke jam dum sia vojaĝo por studi en Anglio Eroŝenko aktive partoprenis en la E-movado de Grandbritio. En la maja kajero de la gazeto "British Esperantist" (1912) estas konciza raporto pri la propaganda prelego "La Internacia lingvo Esperanto kiel reala fakto" de s-ro G.J.Cox por la membroj de Politeknika literatura kaj diskuta klubo en Battersio. La prelegon ĉeestis ĉirkaŭ 30 aŭskultantoj kaj du esperantistoj-migrantoj – la ruso Vasilij Eroŝenko kaj ĉeĥo Francz Chvatik, bohema hortikulturisto, veninta al Londono por studi la anglan lingvon, kiu posedas Esperanton "same kiel denaskan". Por la vizitantoj estis prezentita praktika demonstro de la avantaĝoj de Esperanto. Tiun prelegon kun ĉeesto de Eroŝenko poste menciis ĵurnaloj de Battersio kaj Londono[1].

Kelkajn liniojn pli supre oni menciis la dimanĉan promenon de esperantistoj la 11-an de majo 1912, en kies programo estis du recitaĵoj, unu el ili estis titolita "Amo de blindulo". Estas interese scii: ĉu ĝi estas hazardo aŭ la alveno de Eroŝenko influis anglajn esperantistojn? Persiste venas konkludo pri koincidoj en postaj literaturaj verkoj de Eroŝenko en Japanio, ekzemple, "Rakonto de papera lanterno" (1916).

Laŭ la atestoj de fontoj, la vojaĝo de Eroŝenko havis grandan socian resonon. Temas ne nur pri la konataj publikaĵoj en revuoj "Vokrug sveta" ("Ĉirkaŭ la Mondo"), "Slepec" ("Blindulo"), "La Ondo de Esperanto", kiuj donis informan subtenon al la junulo dum lia vojaĝo kaj laŭ ĝiaj rezultoj. Al tiuj rezultoj ni vicigas publikigon de la unua konata al ni beletra teksto de Eroŝenko – "La unua eksterlanda vojaĝo de la blinda e-isto s-ro V.Eroŝenko" en januaro 1913[2]. La teksto-deklamo jam enhavas ĉiujn stilfigurajn nuancojn en verkaro de la aŭtoro – abundo de ripetoj, specifa ritmo, originala parolprezento, unuiganta lin laŭ kelkaj neordinaraj trajtoj kun folkloraj literatur-epikaj verkoj.

Pri la teksto al s-ro Romano Belousov rakontis parencoj de Eroŝenko somere 1961, kaj li sukcesis trovi la kajeron en Lenin-biblioteko. Krome s-ino Anna Ŝarapova por la Dua Tutrusia esperantista kongreso en Kievo pretigis prelegon "Esperanto inter blinduloj", poste publikigitan broŝurforme de Georgi Davidov en Saratovo en 1915. S-ino Ŝarapova rakontis pri postaj okazintaĵoj tiel:

> *"Traleginte en "La Ondo de Esperanto" (januaro 1913) la artikolon de s-ro Eroŝenko pri lia vojaĝo al Anglio, – artikolon, kiun verkis laŭ liaj vortoj kieva vicdelegito de Universala Esperanto-Asocio – s-ro Romanenko, – li estas patro de iu blinda knabo en*

---

[1] British Esperantist, 1912, majo, № 89, p.92.
[2] La Ondo de Esperanto, 1913, №1 (49), p.7-10.

*Ĥarkova gubernio, skribis al s-ro Eroŝenko inviton pasigi unu monaton ĉe ili por instrui Esperanton. /.../ Ellerninte la anglan, s-ro Eroŝenko sukcesis lerni la japanan lingvon en Moskvo ĉe japano, posedanta la anglan, sed tre malmulte la rusan. – El Anglio Eroŝenko alportis oportunan tajpilon por la blinduloj. Eroŝenko ricevadis gazetojn, librojn kun reliefa skribo ne nur en Esperanto, sed ankaŭ en la angla kaj aliaj lingvoj, – ankaŭ lernolibrojn, vortarojn, muziknotojn k.c. Esperantistoj-blinduloj de diversaj landoj, ankaŭ iliaj amikoj informas lin pri diversaj eventoj en la vivo de blinduloj. Usona instruisto, misiisto de iu lernejo en sud-azia Birmo, ekzemple informis lin pri lokaj lingvoj, muziko k.c. La misiisto sendis sian portreton kun blinduloj. El la anglolanda brajla gazeto "Progress" s-ro Eroŝenko sciiĝis pri la stato de blinduloj en Koreio. /.../ En novembro 1913 mi ricevis leteron de la moskva blindulo Eroŝenko kun peto aboni por li franclandan gazeton por blinduloj..."* [1].


PREMIITAJ TEZOJ.
1913.
La Grava Signifo de l'Nova Testamento en Esperanto,
DE
Pastro A. J. EDMONDS, M.A.
1914.
La Graveco de Esperanto por la Blinduloj,
DE
W. PHILLIMORE, F.B.E.A.
THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Incorporated),
17 Hart Street, London, W.C.
Prezo 3p. (12 sd.)

Britlanda E-asocio premiis kaj eldonis en 1914 skizon de William Phillimore, la Delegito por la blinduloj, "La graveco de Esperanto por la Blinduloj". En ĝi la aŭtoro citas parton de la teksto de Eroŝenko el januara kajero de "La Ondo de Esperanto", kaj laŭ ekzemploj de la vojaĝoj de Eroŝenko, Bergh kaj de aliaj blinduloj strebas pravigi utilon de studado de la Internacia lingvo fare de blinduloj[2].

Antaŭnelonge ni ricevis de Anatolo Sidorov interesan historian ateston, deponitan en la Rusia Nacia Biblioteko (Sankt-Peterburgo). Temas pri la raporto de Jakob Kolubovski pri Internacia kongreso por la blinduloj okazinta en Londono en 1914. La aŭtoro, interalie, skeptike notas:

*"Esperanto, al kiu estas dediĉita la raporto de blindulo Persy Merrick, plu kaj plu varbas ardajn adeptojn ankaŭ inter la blindularo. Por tio multe laboras malblindaj amantoj de tiu artefarita*

---

[1] A.Ŝarapova. Esperanto inter blinduloj. Eldono de Esperanta biblioteko de Georg Davidov en Saratov, 1915, p.11.

[2] Broŝuro: Premiitaj tezoj. 1913: La grava signifo de l'Nova Testamento en Esperanto, de Pastro A.J.Edmonds, M.A. 1914; La graveco de Esperanto por la Blinduloj, de W.Phillimore, F.B.E.A. The British Esperanto Association (Incorporated), 17 Hart Street, London, W.C., 1914, p.15-16.

*lingvo. Ilin ĉiujn allogas kontaktebleco, malgraŭ la neforigeblaj diferencoj de la lingvoj. Precize tiu trajto allogis ankaŭ la raportinton, kiun konvertis al sia kredo blinda kaj parte surda svedo, kiu studis diversajn lingvojn kaj korespondis kun blinduloj de aliaj landoj. Intertempe Esperanto inter la blinduloj, adaptita laŭ brajlo, disvastiĝis pli kaj pli, ankaŭ kreskis la literaturo en la lingvo. En la Brusela Instituto Esperanton posedas preskaŭ ĉiuj lernantoj, eĉ estas blinda-surda-mutulino, sukcese ekposedinta Esperanton. Ĉio ĉi, certe, estas interesa, sed ne eblas nei, ke ardaj adeptoj de Esperanto iam uzas tre naivajn argumentojn simile al tio, ke dank' al Esperanto naskiĝis konateco, kiu poste evoluis al geedzeco. La preleginto menciis, tamen, unu argumenton, konsiderindan, se ĝi estos konfirmita. Li menciis okazojn, kiam fremda lingvo, unue malfacile ekposedata, estis rapide ellernita post kiam la persono asimilis Esperanton. Se tio estus konfirmita, por Esperanto oni devus agnoski grandan didaktikan signifon. La esperantistoj strebas enkondukon de Esperanto en porblindulajn lernejojn. Ili argumentas, ekzemple, pri la rusa blindulo Eroŝenko, vizitinta Londonon, uzinta nur la scion de tiu artefarita lingvo. Efektive, la esperantistoj multe klopodis por la vojaĝo de Eroŝenko: ili lin renkontis kaj adiaŭis en ĉiuj lokoj dum la restado, en Londono loĝigis lin ĉe Campbell, kaj la rean vojaĝon li faris vaporŝipe de Londono ĝis Petrogrado, kie denove estis renkontita de esperantisto. Por plenumi ĉion ĉi, sufiĉas esti nur entreprenema kaj persistema homo, Esperanto ĉi tie estas nur altirita sen kontentiga argumentado*"[1].

La tempo konfirmis, ke lernado de Esperanto ne iĝis la ilo por la solvo de ĉiuj problemoj kiel de la internacia komunikado, tiel ankaŭ de socialigo de la blinduloj. Tamen al la sorto de la konkreta persono – Vasilij Eroŝenko – la internacia amikaro de la esperantistoj, ankaŭ ilia helpo faris grandan influon. Eroŝenko sukcesis kredigi sin mem kaj la mondon, uzi ĝian helpon kaj subtenon. Eĉ pli, li komencis helpi al aliaj, inkluzive per sia propra ekzemplo. Ekzistas atesto laŭ Apollon Skalskij, kiun citas en sia libro Aleksandro Pankov, ke Eroŝenko havis ankoraŭ unu celon dum sia voĵaĝo al Londono, malmulte konata, ke la junulo esperis retrovi la vidkapablon:

*"Mi vidis lin persone en 1912 aŭ 1913 en Moskvo. Iam mi venis klubon de esperantistoj en Lubjanka-strato. Tio estis tiujare loĝejo de Aleksandro Saĥarov, kiun li disponigis por la moskvaj esper-*

[1] J.Kolubovskij. Meĵdunarodnij sjezd po delam slepiĥ v Londone [Internacia kongreso pri blindulaj aferoj en Londono]. – Petrogrado, 1915, p.72-73.

*antistoj. Ĉe la enirpordo de la unua ĉambro estis vendo de la Esperantaj libroj. Ĉi tie mi vidis du junulojn, vilaĝane vestitajn. Aleksandro Saĥarov montris per la okuloj la junan blindulon kaj invitis min en apudan ĉambron, en kiu okazis kunvenoj. Tie duonvoĉe li rakontis al mi ĉagrenan historion en la vivo de la poeto dum la pasintaj tagoj. Li ĵus revenis el Anglio, kie li perdis la esperon ĉe famaj okulistoj. Li provis tie kuraci sian blindecon, sed la kuracistoj rifuzis fari tion. Tiuepoke oni ankoraŭ ne scipovis… Li ĝis nun staras antaŭ miaj okuloj kiel malĝoja, silentema, kun senespera mieno de la vizaĝo"*[1].

Laŭ tuta daŭro de la vivo lia partopreno en la Esperanto-movado kaj en la internaciaj kongresoj de la blindaj esperantistoj en la jaroj 1922, 1923, 1924 helpis al V.Eroŝenko trovi por si plurajn celojn kaj signifojn en la aranĝado de interhelpo por la blinduloj. La komencon al la agado de tiu ĉi malordinara persono donis la unua eksterlanda vojaĝo de la blinda esperantisto Vasilij Eroŝenko al Londono en la jaro 1912.

***tradukis el rusa Anatolo Sidorov (Sankt-Peterburg)***

## 44-a IIK INVITAS GEKNABOJN

Lige kun la jubilea 100-a UK en Lillo okazos samtempe (25-a de julio – 1-a de aŭgusto) ankaŭ la 44-a Internacia Infana Kongreseto (IIK) en la apuda urbo Villeneuve-d'Ascq. Ĝia temo estas "Ardeoj". La urbo Villeneuve-d'Ascq subtenas la organizadon disponigante favorprezajn loĝigon kaj manĝojn.

La kongreseto okazos sub la gvido de plurlanda teamo, kies membroj alkutimiĝis zorgi pri infanoj kiel instruistoj, animantoj aŭ gepatroj. La programo celos amuzi la infanojn kaj instigi ilin paroli Esperanton. Okazos ludoj, ekskursoj, manlaboroj, sportaj aktivaĵoj kaj Esperanto-kursoj. Vespere oni amuziĝos ĉe bivakfajro kaj per tabloludoj, diskoteko, voĉlegado kaj muzikado.

En la retejo de la 44-a IIK <http://arras-esperanto.fr/iik2015/informoj.html> troviĝas la programo, la teamo de la gvidantoj kaj sinprezentoj de la jam aliĝintaj knaboj kaj knabinoj. Tie troviĝas ankaŭ la aliĝilo, en kiu ĉiu infano povas indiki siajn ideojn kaj hobiojn kaj kiel li aŭ ŝi povos kontribui al la programo. Oni akceptos ĝis 48 infanojn kaj adoleskantojn, kiuj parolas Esperanton.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

---

[1] A.A.Pankov. Po sledam Vasilija Eroŝenko [Laŭ spuroj de Vasilij Eroŝenko]: manuskripto. – Kislovodsko, 2003, p.13.

## ADIAŬ, IF! ĜIS REVIDO, AMIKOJ!

Ho, se mi ne estus aĉetinta la flugbiletojn en aprilo 2014, apenaŭ mi irus al Germanio decembre. Eĉ konsiderante la informon, ke la 31-a Internacia Festivalo (IF) estas la lasta. La senvaloriĝinta rublo plus la flugprezoj por la okcidenta direkto, bruske flugintaj sor, pensigas, ĉu la enhavo de mia monujo permesus tian vojaĝon.

Ne nur min atakis tiaj hezitoj. Kelkaj sobrapensaj peterburganoj kaj ankaŭ Abduraĥman Junusov, ĝisosta IF-ano, partopreninta 18 Festivalojn, nuligis siajn planojn. IF-31 iĝis la malplej partoprenita de la rusianoj el inter ĉiuj IF-oj, okazintaj en la postsovetia epoko. Sed tiuj, kiuj tamen iris, ricevis veran ĝuon dum la jarŝanĝa semajno.

La 31-a IF okazis en bonega junulargastejo de ŝvaba urbeto Julich, kelkdek kilometrojn for de Kolonjo. El 108 aliĝintoj venis ĉirkaŭ cento; tiu kvanto estis absolute taŭga kaj por la kapacito de la domo, kaj por la festivala formato. Kiel dirite, ne multaj rusianoj partoprenis – nur tri tiĥvinanoj kaj du moskvanoj. Sed por la tradicia rusnovjara gratulkanto (ĉi foje estis "Belegaj tagoj ĉi") aliĝis eksaj samlandanoj el Germanio, Hispanio, Latvio kaj Svedio, do la koruseto montriĝis tute impona.



La satigega "sveda tablo" kaj frandinda silvestra bankedo, la dupersona ĉambro, dividata kun antikva amiko Volodja Ebel, duŝo, necesejo, televidilo kaj ĉiutaga ŝanĝo de viŝtukoj, ankaŭ la bonega senpaga saŭno kaj same senpaga fidinda retaliro por mi, partopreninta 13 IF-ojn, estis komfortaĵoj tute kutimaj. Sed por miaj samurbaninoj ĉio ĉi, ricevita kontraŭ sumo, ne senpantaloniga eĉ ĉe la nuna kurzo, estis mirinda kaj admirinda.

Pliajn kontentigajn emociojn aldonis, certe, la programo. La ĉi-jara kadra temo "Energio" estis bone prezentita per kelkaj prelegoj, sed ne mankis ankaŭ alitemaj, miaopinie eĉ pli atentokaptaj: de d-ro Amri Wandel pri la 100-jara jubileo de la Teorio de Relativeco, pri vivo sur foraj planedoj kaj pri la mirinda Hindio, de Karl Breuninger pri la postmilita restado en Sovetio... Ankaŭ ni, rusianoj, kontribuis per prelegoj, logintaj atenton de

la publiko. Sed ja ne nur prelegoj, ĉio - ekde du matenaj gimnastikoj (tajĝiĉuano de Barbara Poterucha kaj muzikgimnastiko de Vera Vlasova) ĝis la ekskursoj (kelkaj enurbaj plus la tuttaga al Kolonjo), vesperaj koncertoj (i.a. de Nataŝa Berce!), umadoj en la nokta Knajpo kaj furora pupekspozicio de Anja Striganova – ĉio estis alloga, impresiga kaj vizitinda. Persone por mi estis ununura bedaŭrindaĵo, la kronika tempomanko – tro multajn aranĝojn mi devis prepari kaj efektivigi en la programo, do nemulton sukcesis viziti kiel simpla gapanto kaj ĝuanto.



Ĉu mi diru kutiman banalaĵon: "la tagoj flugis rapide"? Ne. Ili pasis kiel unu rava momento de mia vivo, kaj la kruela (eĉ se antaŭvidita) komuniko de la adiaŭa vespero pri nepluokazigo de la IF-oj konsternis min samkiel ĉiujn geulojn, kunvenintajn en la salono por la lasta fojo. 30 Festivalojn el la okazintaj 31 preparis kaj efektivigis la mastro – Hans-Dieter Platz, konata de la IF-anoj nur kiel HDP. La sendanĝera kaj eĉ utila kulto de lia personeco ĉiujare aldonis ĉarman pipreron en la etoson de IF. Nun li deklaris, ke ne plu emas okupiĝi pri la aranĝo. Ne mankas dezirantoj transpreni la torĉon, onidire formiĝis eĉ kelkaj partioj. Tamen, ĉu sukcesos iu el tiuj daŭrigi la tradicion same sukcese – la tempo montros.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## MONDA KULTURO EN KARTVELIO

La refortiĝanta Kartvelia Esperanto-Movado eniris nova fazon post la lastjara Mezorienta Kunveno. Nun ĝi lanĉas internacian kunvenon "Monda Kulturo en Esperanto", kiu estos samtempe la 4-a Kartvela Esperanto-Kongreso. Ĝi okazos de la 19-a ĝis la 26-a de septembro 2015 kaj ofertos al la partoprenantoj ankaŭ ekskurson tra la lando. Detalajn informojn bonvolu peti ĉe Nana Ĥizambareli <karesa@mail.ru>.

***(landa agado)***

# Eksciu, ke...

## JAM 1570 ALIĜIS AL LA 100-a UK [1]




La aliĝado al la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en la franca urbo Lillo (25 julio – 1 aŭgusto 2015) evoluas ŝtorme. Ĝis la 19-a de januaro estis registritaj 1570 aliĝintoj el 66 landoj. Duonan jaron antaŭ sia komenco la jubilea UK estas jam klare pli granda ol la lastaj kvin UK-oj, kaj en la historia statistiko ĝi lasas sub si jam 41 kongresojn. La nombro kreskas ĉiutage kaj verŝajne baldaŭ la 100-a UK superos la definitivan nombron de pli ol 50 kongresoj. Kun 464 aliĝintoj la kongreslando Francio okupas senrivale la unuan lokon en la provizora statistiko. Pli ol 100 aliĝojn liveris ankaŭ Germanio (130) kaj Japanio (104). Ĝis la Kongreso al la "klubo de 100" antaŭvideble aldoniĝos ankaŭ Belgio kaj Pollando (po 68), Brazilo kaj Nederlando (po 63), Italio (44) kaj Britio (40). Aliaj pintaj landoj meze de januaro estis Hispanio (39), Korea Respubliko (35), Svislando (34), Ĉinio (30), Danio kaj Finnlando (po 27), Hungario (26), Svedio (24), Irano kaj Rusio (po 23), Usono (21).

Al UK-100 en Lillo eblas aliĝi rete aŭ uzante la paperan aliĝilon, kiun oni povas peti de UEA *(Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando)*. La 1-an de januaro ekvalidis la prezoj de la dua kotizperiodo, kiu daŭros ĝis la 31-a de marto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## JEFIM ETKIND: "SED JA ESPERANTO NE HAVAS LITERATURON..."

Legante la interesan vivo-superrigardon de Mikaelo Bronŝtejn en REGo (№ 6, 2014) – lia vivo ankoraŭ longe daŭru – frapis min sur p. 10 lia mencio de la tradukisto kaj traduksciencisto *Jefim Etkind*. Fakte *Jefim Grigorjeviĉ Etkind* (1918-1999) estis vere fama ne nur kiel tradukinto i.a. de verkoj de Solĵenicin en la germanan, sed ankaŭ kiel teoriisto de tradukado

[1] Je la 22-a de februaro la listo kreskis ĝis 1925 aliĝintoj el 68 landoj – La red.

(tradukologio). Li naskiĝis en Petrograd kaj forpasis... en Potsdam ĉe Berlin. Li estis profesoro i.a. ĉe la Universitato de Parizo kaj membro de la germana PEN-Centro. Mi havis la feliĉon aŭskulti lin en la (orientgermana) Humboldt-Universitato de Berlino, kadre de tradukologia kolokvo, organizita de *prof. d-rino Heidemarie Salevsky*, slavistino kaj renoma profesoro pri translatologio (= kupola teorio pri tradukado kaj interpretado). La kolokvo okazis la 12-an – 13-an de majo 1995 kaj traktis la kadran temon “Pretigado de interpretistoj kaj tradukistoj hieraŭ, hodiaŭ kaj morgaŭ”.

La prelegtemo de prof. d-ro Etkind estis “Pasporto en la pasintecon – sperto de dummilita tradukisto antaŭ 50 jaroj”. Vespere, post la fino de la unua kolokva tago, la prelegintoj kaj kelkaj aŭskultintoj, inter ili mia edzino Wera kaj mi (siatempe docento pri interlingvistiko en la universitato) agrable kunsidis en fama orientberlina restoracio, la Brecht-kelo (laŭ Bertolt Brecht – la legantoj eble konas la “Trigroŝan romanon” en Esperanta traduko). Nu, prof. Salevsky prezentis la ĉetablulojn kaj i.a. ankaŭ min, menciante, ke mi okupiĝas pri Esperanto (sed ne diris ke mi docentas). Tio tuj mirigis Etkind, kiu al mi diris “Sed ja Esperanto ne havas literaturon!” Mi dufoje demandis lin, ĉu pri tio li certas.

Li dufoje insiste konfirmis tion, eĉ aldonis, ke li ja partoprenis Esperanto-kurson. Nu, post tia bedaŭrinde disvastigita eĉ inter intelektuloj “certeco” mi tamen kuraĝis klarigi al li, ke kiel fakulo mi bedaŭrinde devas korekti lin… Nu, post tio li silentis – signo de saĝo.

***Detlev Blanke (Germanio), <detlev@blanke-info.de>***

## LA 42-a MALFERMA TAGO KUN LA ESTRARO DE UEA

La stabo de la Centra Oficejo de UEA invitas por la 42-a fojo al la Malferma Tago, ĉi-foje kune kun la Estraro de UEA, kiu kunsidos en Roterdamo en la sama semajnfino. La Malferma Tago okazos sabaton, la 25-an de aprilo.

En la 42-a Malferma Tago oni aŭdos prelegojn de prezidanto Mark Fettes kaj de aliaj estraranoj. La temoj de la prelegoj estos anoncitaj pli proksime al la aranĝo. La tago kulminos en la lasta programero, “La Estraro de UEA respondas”, dum kiu la publiko havos la okazon demandi kaj fari komentojn kaj proponojn pri ĉiuj aspektoj de la agado de UEA. Kiel kutime, en la programo estos ankaŭ prezentado de libroservaj novaĵoj kaj de filmoj.

Aldone al specialaj ofertoj la vizitantoj povos profiti de ĝenerala sesona rabato en la libroservo, butikumi en la bazaro de esperantaĵoj kaj gajni premiojn en senpaga loterio. Kafo kaj teo, ankaŭ senpagaj, estos varmaj la tutan tagon. La programo daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO EN LA 100-a UK

La organizantoj de la Esperantologia Konferenco 2015 kadre de la 100-a UK en Lillo alvokas ĉiujn fakulojn, sciencistojn kaj kongresanojn partopreni en tiu jam tradicia aranĝo, okazonta la 30-an de julio 2015. La Esperantologia Konferenco estas organizata de CED en ĉiu UK ekde la 63-a en Varno en 1978. Ĝi traktas plej diversajn temojn en la scienca esplorado de Esperanto kaj planlingvistiko. Ĉi-jare la temo estos *Retrorigardo kaj antaŭvido: Kvardek jaroj da esperantologio 1975-2015 kaj defioj por estonteco*.

Oni povos kontribui al la Konferenco sur tri niveloj: kiel preleganto, afiŝmontranto aŭ kiel partoprenanto. Prelegantoj estos fakuloj-esperantologoj. Ili parolos en unu el la du podiaj diskutoj farante historian trarigardon pri esperantologio kaj pri ĝiaj nuno kaj estonteco. La prelegontoj ricevis skriban inviton, kaj plejparto jam konfirmis sian partoprenon, sed la organizantoj atendas ankoraŭ kelkajn respondojn. La listo de prelegontoj estos publikigita en la konferenca retejo <http://ek2015.kulturo.net/>.

Posttagmeze oni eksponos afiŝojn. Iliaj temoj estas liberaj, sed ili rilatu al esperantologio, larĝe difinita kiel scienco pri diversaj aspektoj de la lingva fenomeno Esperanto. Interesatoj povas proponi po unu afiŝon en formato A0 (841 mm × 1189 mm) aŭ ANSI E (33 coloj × 44 coloj); la litertiparo estu minimume 28 punktoj kaj la interlinia spaco minimume 32 punktoj. Oni povu legi la afiŝon de distanco ĉ. 1,5 m. Uzo de grafikaĵoj, skemoj aŭ diagramoj estas rekomendata, kaj la afiŝoj havu maksimume 300-vortan resumon de la enhavo. Proponoj estu senditaj al la organizantoj antaŭ la 30-a de aprilo 2015. (Ne temas pri jam kompleta verko sed pri sufiĉa materialo por ebligi al la organizantoj taksi la kvaliton de la kontribuo.) La aŭtoroj de tri plej elstaraj afiŝoj estos premiitaj. Por faciligi pretigadon de la afiŝoj, oni povos trovi taŭgan ŝablonon en la konferenca retejo (supre).

Pri demandoj kaj proponoj oni bv. kontakti la ĉefan organizanton de la Konferenco, d-ron Orlando Raola <ek2015@kulturo.net>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KEP ENDERBY FORPASIS

Universala Esperanto-Asocio funebras sian eksan prezidanton Kep Enderby, kiu forpasis la 8-an de januaro 2015 en la aĝo 88 jaroj. Li naskiĝis la 25-an de junio 1926.

Kep (Keppel) Enderby estis edukita en la Altlernejo de Dubbo kaj en 1944 aliĝis al la flugarmeo. Li studis juron en la universitatoj de Sidnejo



kaj Londono. Ekde 1950 li laboris kiel juristo kaj instruis. Ekde 1962 li estis universitata preleganto. En 1970 li estis elektita al la Aŭstralia Parlamento. De 1972 ĝis 1975 li estis ministro, unue pri aŭstralia produktado kaj poste pri justico. Post tio li denove laboris kiel juristo kaj ricevis la titolon Advokato de la Reĝino. De 1982 ĝis sia emeritiĝo en 1992 Enderby estis juĝisto ĉe la Supera Kortumo de Nova Sud-Kimrio. La iama amatora golf-ĉampiono havis diversajn gravajn funkciojn en tutaŭstraliaj kaj regionaj juraj institucioj. Ekde 2003 li prezidis la regionan societon pri libervola eŭtanazio.

Kep Enderby lernis Esperanton en 1987. De 1992 ĝis 1997 li estis prezidanto de Aŭstralia Esperanto-Asocio. Kiel prezidanto de la Loka Kongresa Komitato li gvidis la organizadon de la 82-a UK en Adelajdo (1997). Dum kvar oficperiodoj, de 1992 ĝis 2004, li estis membro de la Komitato de UEA. En 1998 Enderby estis elektita kiel Prezidanto de UEA, funkcio, kiun li plenumis ĝis 2001. Prezidanto de Esperanta Jura Asocio li estis de 1996 ĝis 2002. En la voĉdonado de la revuo *La Ondo de Esperanto* li estis proklamita la Esperantisto de la Jaro 1999. En 2004 li estis elektita kiel membro de la Honora Patrona Komitato de UEA.

Kiel Prezidanto de UEA Kep Enderby elstarigis en siaj paroladoj kaj artikoloj la gravecon de la laboro por la homaj rajtoj. Li pledis ankaŭ por pli proksima kunlaboro inter UEA kaj aliaj Esperanto-organizaĵoj, aparte Sennacieca Asocio Tutmonda, kies fervora membro li estis.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## FORPASIS HANS BAKKER (1937-2015)

La 21-an de januaro forpasis en Amsterdamo, post elĉerpa malsano, Hans Bakker, Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio. Li naskiĝis la 8-an de novembro 1937. Dum sia vivo li faris profesie multajn laborojn; laste, antaŭ sia emeritiĝo, li laboris ĉe la nederlanda partio Verda Maldekstro.



Filo de aktivaj esperantistaj gepatroj, Hans Bakker lernis Esperanton ĉirkaŭ la jaro 1953. Li eniris la Esperanto-movadon en 1955, kiam li membriĝis en la nederlanda sekcio de TEJO. En 1964 li kunorganizis la 20-an Internacian Junularan Kongreson en Amsterdamo, al kiu li sukcesis allogi ĉeeston de pluraj gravaj neesperantistaj organizaĵoj. Kiel gvi-

danto de la Komisiono pri Ne-Esperantistaj Organizoj de TEJO (poste nomita Komisiono por Eksteraj Rilatoj), de 1965 ĝis 1976, li donis fortan puŝon al la eksteraj rilatoj de TEJO, kun seminarioj, eldonaĵoj k.a. agadoj, kiuj dum multaj jaroj estis plene financataj per subvencioj el ekstermovadaj fontoj. En 1976 TEJO elektis lin sia Honora Membro.

Hans Bakker aliĝis al UEA en 1962, tuj kiel dumviva membro. De 1982 ĝis 1988 li estis estrarano de Instituto Hodler '68 kaj de 1992 ĝis 1995 estrarano de UEA pri financo kaj administrado. Dum multaj jaroj li estis kunredaktoro de la revuo *Fen-X* de la landa asocio Esperanto Nederland.

Unikan lokon en la historio de Esperanto Hans Bakker havas pro sia laboro por la afrika agado de UEA, kiun li gvidis de 1980 ĝis 2001. El lia celkonforma kaj persista laboro rezultis, ke tuta kontinento aperis sur la mapo de Esperanto kaj UEA, kie ĝi antaŭe preskaŭ plene mankis. Li sciis kolekti ĉirkaŭ si reton de entuziasmaj kunlaborantoj, kiuj persone gvidis la lingvolernadon de afrikanoj. Li kreis ankaŭ vastan reton de amikoj de Afriko, kiuj per siaj donacoj ebligis la sendadon de lerniloj kaj ĉiaspecaj aliaj materialoj bezonataj de lokaj kluboj kaj landaj asocioj, kiuj komencis naskiĝi en rapida ritmo. En 1987 Bakker ebligis al 13 afrikanoj el 9 landoj partopreni en la Jubilea UK en Varsovio, por spertiĝi post unumonata kurso en Hungario pri la lingvo kaj ĝia instruado. Ĉirkaŭita de ili sur la kongresa podio, Bakker transprenis la unuan Premion Onisaburo Deguĉi, kiun la Estraro de UEA aljuĝis al li pro lia *sindediĉa kaj strategie brile kunordigita laboro por la afrika Esperanto-movado*. En 2000, en voĉdonado de *La Ondo de Esperanto*, li krome estis proklamita Esperantisto de la Jaro.

Por krei solidan bazon por la afrika agado en estonteco, per donackampanjo de Bakker kreiĝis en la jaro 2000 Kapitalo Afriko de UEA. Plia rezulto de lia agado estis la konstruado de lernejo en Togolando, Instituto Zamenhof, fondita en 1995 per liaj subteno kaj kunlaboro kun Gbeglo Koffi, lia frua lernanto kaj la unua afrika estrarano de UEA.

Pro siaj grandaj meritoj en la Esperanto-movado, Hans Bakker estis elektita kiel Honora Membro de UEA en 2002. La Komitato karakterizis lin kiel *tre grandan ekzemplon por la junaj generacioj, ĉar li estas unu el tiuj esperantistoj, kiuj laboregas kaj ne postulas dankojn pro la laboro, abunde uzas sian tempon sed ankaŭ sian monon, kaj ne afiŝas tion*.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

la verda KoRo

kultura revuo

## KELKAJ GUTOJ EL MIA KOREUMADO

***La kaŭzo***

Antaŭ kvar jaroj mi akceptis taskon, proponitan de la korea esperantisto CHOE Taesok (Ŝtonego), taskon neordinaran, do interesan por mi – rusigi 50 himnojn de ŭonbulismo. La eldonon de la himnaro en 2014 rezultigis mia speciala vojaĝo al Moskvo por konsultiĝo kun la ĉefpastro de la sola ŭonbulisma templo en Rusio kaj pena laboro kun netaksebla helpo de la rusdevena ŭonbulisma pastro Miĥail Avdeev, ankaŭ de la geedzoj Vida kaj Taesok el Vilno, kaj sekvis preskaŭ samtempe la invito viziti Koreion. Dankon, volonte!

***La vojo***

Mi flugas orienten, sed okcidenten. Dekomence unuhora flugeto el Peterburgo al Helsinko, kaj nur post kelkhora sidado en la haveno – naŭhora flugego al Seulo. Elĉerpita, ĉar mi ne scipovas dormi en avio, mi kontentas almenaŭ pro manko de kutimaj landlimaj formalaĵoj. Por eniri Koreion mi ne bezonas vizon.

***La eko***

La suno inundas la flughavenon Incheon. “Saluton! – alvoka rideto. – Mi estas Brila!” Aĥ, efektive brila… - mi balbutas. – Sed mi estas Mikaelo. - “Enbusiĝu, Mikaelo, vi veturos tri horojn al Iksan, tie vin renkontos Sunita”. - Tamen, se mi endormiĝos enbuse… - “Ho, mi petu la najbarojn veki vin!” – En ordo.

***Klarigo 1: Nekutimaj...***
Nekutima estas ĉio: la naturo kun montetaro kaj bizaraj pinoj, la arkitekturo antikva samkiel ankaŭ moderna, la kulturo riĉa je tradicioj, la kuirarto apetitveka jam ĉe la unua rigardo, la vizaĝoj... Informiĝinte el rusiaj informiloj, ke la koreia averaĝa pokapa enspezo kvinoble superas la rusian, mi menciu ankaŭ la netrudan sed evidentan bonfarton.

***Klarigo 2: La nomoj***
Koreaj nomoj estas elparoleblaj. Sed ne tuj. Kaj kun risko kripligi. Pro tio ĉiu racipensema korea esperantisto havas ankaŭ Esperantan nomon. La nomoj estas ĉarmaj: Brila, Cigno, Natura, Ŝtonego, Avo… Mi meditas, ĉu la MASI-anoj ŝtelis la ideon de la koreoj?



***La unua halto***
La pitoreska bieno de la emerita ĉefmajstro (ekleziestro) de ŭonbulismo situas inter montoj. Mi havas honoron konversacii kaj vespermanĝi kun la okdekjara brava saĝulo. Nepra promeno montaren post la vespermanĝo. - "Ĉu vi ŝatas fragojn?" – Mi ŝatas. - "Ĉu vi havas tiujn?" – Jes, julie, en mia ĝardeno… se la vetero konvenos.
Ĉe mia veno en la dormoĉambron mi trovas tie pleton kun grandaj fragoj. Bongustegaj, ĉar en la grundon de la forcejoj oni aldonas restaĵojn de ginsengaj radikoj. Ĉu mi plantu ankaŭ ginsengon en mia ĝardeno?..

***Klarigo 3: Ŭonbulismo kaj ŭonbulanoj***
Oni diris al mi, ke en Koreio laŭ la adeptonombro ŭonbulismo estas la kvara el la kvar religioj (budhismo, protestantismo, katolikismo kaj ŭonbulismo). Pli ol cent temploj kaj institucioj kun miloj da adorantoj funkcias ankaŭ ekster Koreio. Por la ekzistado nur centjara (ĝuste 2015 estas la jubilea jaro) - evidenta sukceso. Unu cirklo, kiel simbolo de perfekteco, estas la ĉefsigno de ŭonbulismo, do per meditado, per purigo de la animsentoj, per vivo paca kaj honesta ĉiu vivulo celu iĝi budho. La ĉefmajstroj estas demokratie elektataj de la ŭonbulanoj por 6-jara servado, sed aŭtoritato de la kandidatoj, sendube altega, faciligas reelektiĝon. Dum la jarcento estis elektitaj nur kvin ĉefmajstroj; du el tiuj, inkluzive de Sotesano, la fondinto de la eklezio, servis ĝis la forpaso. La tria kaj la kvara, simile al la eksa roma Papo, memvole retiriĝis pro sia aĝo. Nun la kvara, kiu fervore pledas

ankaŭ por Esperanto, loĝas ĉirkaŭita de estimo kaj adoro en sia bieno. La funkcianta ĉefmajstro servas en la ĉefsidejo de ŭonbulismo, en Iksan.

***En la trejnejo***

Enirante la domon, ni demetas la ŝuojn kaj prenas pantoflojn. Ili diversdimensiaj kuŝas sur bretoj ĉe la enirpordo. Enirante la ĉambron, ni demetas ankaŭ la pantoflojn. La ĉambro, kie mi loĝos kun mia amiko Ŝtonego, estas komplete malplena. Mankas iaj videblaj hejtiloj, sed la ĉambro estas varma. Tuj mi sentas, ke la varmo venas de sur la planko. (Tio poste kaŭzos degelon de rusiaj ĉokoladoj, kiujn mi senzorge lasis en mia sako.) Unu muron formas ŝrankoj, kie ni trovas matracojn, kusenojn kaj littolaĵojn. Ha – ekde hodiaŭ ni dormos surplanke, laŭ la korea maniero.

Ni iras en la manĝejon. La manĝoj estas satigaj, sed ne ĉiam akcepteblaj por mi pro troa spiceco. Plej teruras kimĉio – brasikaĵo, ŝatata de ĉiuj koreoj: ĝi brulvundas mian buŝon. Alia teruraĵo estas la manĝbastonetoj. Metalaj, diference de la lignaj, kiujn uzas ĉinoj. Komence mi manipulas ilin tute mallerte, koleriĝante, sed - se oni volas manĝi, oni rapide progresas. La kutimo manĝi trifoje dum la tago supon kaj rizon estas akceptebla, la absoluta foresto de pano... nu, mi eltenis.



La meditadoj matena kaj vespera okazas en aparta granda salono. La vespera, i.a., antaŭvidas 108 riverencojn. Unu fojon mi provis...

***Klarigo 4: Ŭonbulanoj kaj esperantistoj***

Fakte, la trejnejo estis la ĉefcelo de mia vojaĝo. Dum tri tagoj, ĉe bonega organizo, en la ŭonbulisma trejnejo Samdong, ĉarma intermonta bieno, okazis la 10-a IERM (Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado). Partoprenis plejparte koreaj esperantistoj-ŭonbulanoj, sed ankaŭ kelkaj eksterlandanoj – krom Rusio estis reprezentitaj Ĉinio, Hungario, Japanio, Litovio kaj Pakistano. La prelegoj, la ekskursoj, la kurseto pri korea maskodanco,




la meditadoj – ĉio, konsistiganta la programon, estis por mi ege interesa, sed mi emfazu ion principe novan por mi kaj eventuale uzendan dum la rusiaj E-aranĝoj. Tio estas vico de Liberaj rondoj – la programeroj, ebligantaj pli efike profiti ĉeeston de neordinaraj personoj alilandaj por interesi la lokanojn. La aranĝo estas tute simpla: la alilandaj gastoj invitas publikon al siaj ĉambroj por horo. Okazas libera konversacio, komuna kantado, intervjuado – laŭ plaĉo de la mastro kaj de la venintoj. La ĉambro povas akcepti dekon da gastoj, do la homoj disiris gaste, kaj en la sekva horo ŝanĝis la ĉambrojn. Mi havis tri gastarojn, miaĉambraj rondoj pasis vigle – kaj babile, kaj kante. Krom tiu bonefiko la Liberaj rondoj helpis min pli proksime konatiĝi kun la partoprenantoj, kaj la adiaŭo kun tiuj ĉarmaj homoj estis eĉ larmoveka.

Enkadre de la programo ni, la partoprenantoj de la 10-a IERM, estis akceptitaj de ambaŭ ĉefmajstroj, kaj mi diru sincere post persona konatiĝo, ke digneco de tiuj viroj estas por mi senduba. Ankaŭ ilia simpatio al Esperanto estas ne malgrava; la emerita ĉefmajstro eĉ lernis la lingvon. Mi diru krom tio, ke la ĉefmajstro prenis mian manon kaj diris, ke mi estas elradianta kvieton. Mi rajtas fieri pri tio.

### *Koncerto en Pusano*

Bonega aŭto, bonega ŝoseo – mi veturas suden. - "Ĉu vi scias ion pri Pusano?" – Pardonu... - "Ho, ĝi estas urbego, ĉu vere vi nenion scias?" – Do jes, analfabeta mi estas pri Koreio... Sed ankaŭ vi ne respondis, kiu estas la persono, kiam mi montris al vi la foton de nia prezidento. Kvite.

Samideanino Lumo estas ege aktiva. Dumvoje ŝi montras al mi afiŝon kaj programlibron, produktitajn speciale por mia koncerto en Pusano. Mi teruriĝas: tie kaj tie estas anoncita koncerto de "rusa gitaristo Mikaelo Bronŝtejn"! "La salono, bedaŭrinde, havas nur 150 lokojn, - brave raportas Lumo, - sed ni sukcesis inviti por la koncerto krom vi ankaŭ faman kan-

tistinon, popoldanciston, ankaŭ du ensemblojn: kun okarinoj kaj kun ukuleloj!” – Kio do estu mia rolo en tiu festeno? – “Ho, nur ok kantoj, kvarfoje po du, inter ili prezentos aliaj invititoj”. – Kiom da esperantistoj estos en la salono? – “Hm... Dek... eble dek kvin. Ĉu gravas?”

La salono estas plenplena. Antaŭvidante putrajn tomatojn, ĵetotajn miaflanken, mi tremas, sed eliras sub la lumstriojn. Mi komencas per “Preĝo” de Okuĝava, poste elparolas anticipe lernitan pardonpeton en la korea lingvo, dirante ke mi entute ne estas gitaristo. La publiko aplaŭdas. Mi daŭrigas per “Amitaj, amataj, amotaj” – la publiko subtenas aplaŭde. La kantistino en bunta nacia vesto antaŭ eliri sur la scenejon montras al mi dikfingron, kaj mia timo forflugas definitive. Mi mem montras dikfingron, premas manojn transkurtene al la artistoj, kantas miajn kantojn, kaj en la fino la publiko vokegas min aplaŭde. “Tum-balalajka” furoras. La direktoro de la kulturcentro, krianta anglalingve, postulas “Stenjka Razin”. Mi estimas la direktoron. Sed la postulon pri “Miliono da skarlataj rozoj” (la plej ŝatata rusa kanto en Koreio!) mi neglektas. Anstataŭ ĝi mi prezentas “Ciganineton” (“Ciganoĉka”) kaj ĉe aplaŭdego ricevas mian florbukedon. Ŝvite perlaboritan.



***Klarigo 5: Pusano***

Pusano, aŭ Busano, la plej granda havenurbo de Korea respubliko kun pli ol trimiliona loĝantaro situas en ekstrema sudo de la Korea duoninsulo.

La fiŝbazaro ĉemara impresas. En tiu grandega areo oni vendas-aĉetas amason da marestaĵoj, plejparte nekonataj por mi. Klarigoj bonvolas veni: “Ja tion vi manĝis hieraŭ vespere!” – Ĉu vere? Gustis bonege, sed se mi scius la naturan aspekton, eble mi evitus manĝi tion...

Surborde, inter rokoj kaj ŝtonegoj situas antikva monaĥejo. Grandega statuo de Budho staras ĉe la ondoj; de tempo al tempo proksimiĝas lokanoj por kunmeti la polmojn kaj klini la kapon.

Apude situas grandega ruĝa postkesto. Evidente, por sendi bildkartojn de sur la pacifika bordo.

***Karaokeo***

Preskaŭ meznokte, post ioma drinkado, mia Esperanto-amiko Nema invitas

al karaokeo – liadire ŝatata amuzaĵo de la korea junularo. Kvinope ni okupas apartan salonon kun ekrano, mikrofonoj kaj mendokajeroj, plenaj je kantotitoloj. Nema elektas korean kanton, ŝaltas la aparataron kaj prenas mikrofonon. Lia voĉo, korektita en la sino de la elektronikaĵoj, sonas perfekte – la ekrano fine montras 100 poentojn. Nema serĉas en la kajeroj ion rusan, kaj trovas nur "Milionon da skarlataj rozoj" – kantu, Mikaelo! Mi prenas la mikrofonon. La rezulto – 93 poentoj. "Verŝajne, ĉar vi ne kantis koree," - komentas Nema.

***Seulo***

La ĉefurbego kun dekdumiliona loĝantaro ŝokas, sed ĉi tie ĉio estas pli simpla. Nur tagon kun duono mi havas en Seulo.

Mian prelegon kaj koncerton aŭskultas nur la komprenema esperantista publiko, ĉ. 40 personoj. Multas demandoj diverstemaj, la kantoj subtenatas, plej aktive – "Amata lando", kiun multaj konas parkere. La plej agrabla sento: mi sentas, ke la publiko min plene komprenas.

Butikumado en la urbocentro. En la piedira suvenir-strato mi aŭdas malantaŭ mi la rusan lingvon. Tri adoleskantoj. - De kie vi, knaboj? – "El Moskvo! Nia liceo venis por ekskursi." - Be, verŝajne, estas tre speciala liceo... – "Do jes, speciala!" – volonte konfirmas la knaboj.

Ekskurso al la reĝa palaco. Abundas homoj. – Sed kie estas turistoj? – "Ĉie," - respondas amiko Ŝtonego. – Jenaj knabinoj estas ĉinoj, sed jen – japanoj..." – Hej, kara, laŭ la lingvo mi povus distingi, sed ili ja silentas! Kiel do vi distingas ilin? – "Tute simple, - Ŝtonego respondas trankvile. – Ja ankaŭ vi ne similas ruson."

***Finparole***

Pli ol sesdek koreaj esperantistoj jam aliĝis al UK en Lille. Post nelonga tempo mi revidos miajn novajn amikojn – tio iom malstreĉis nian adiaŭon.

Sed pli ambiciaj planoj regas la animojn de la koreaj esperantistoj. Mi ricevis inviton partopreni UK-on en 2017, se ĝi okazos en Seulo. Marte venos la findecido de UEA, kaj la koreoj ne vane maltrankvilas. Estas la dua kandidato, rivalo ambicia kaj forta – la kanada Montrealo.




Vidinte la koreiajn kondiĉojn, la koreajn entuziasmon, laboremon kaj disciplinemon, mi estus voĉdononta por Seulo, se mi havus la rajton voĉdoni.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***



La franca Esperanto-Kulturdomo en la kastelo Greziljono invitas al interesaj semajnoj dum ĉiuj sezonoj en 2015, kun E-kursoj kaj aliaj aktivaĵoj:

03-a – 08-a de aprilo – Renkontiĝo de *Interkant'* kaj kunkantado kun *La Kompanoj;*

17-a – 26-a de aprilo – *PRINTEMPaS:* intensivaj kursoj kun Z.Korody, C.Chazarein, M.Quenut; internaciaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1);

20-a – 25-a de julio – Reĝaj ekskursoj, UK-antaŭkongreso;

01-a – 08-a de aŭgusto – Lingva semajno, Lingvofestivaleto, tuj post UK;

08-a – 16-a de aŭgusto – Festa Semajno por infanoj kaj familioj;

17-a – 25-a de oktobro – *AŬTUNE*, lingva seminario kun C.Rivière k.a.

Plenan kalendaron kaj detalojn pri la eventoj eblas vidi ĉe la ttt-ejo <gresillon.org/>.

***Bert Schumann (Francio)***

---

## *Nikolao Neĉajev (Irkutsk)*

### Frosto

Frosto naturon katenas,
Tamen la koro kamenas,
Fajras ĉe fajna neĝer'.
Frosto kateni min penas,
Tamen la koro ĝardenas,
Floras ĉe vintra koler'.

### Plusa temperaturo

En aeron venis pluso,
Mian koron tuŝas fluso
De amata primaver'.
Mi impetas al apuso,
Al aromo de paduso,
Al lazuro de aer'.

# Jubileaj datoj de la jaro 2015

*Ilja Ostrovskij* (1855 – 1923) – 160 jaroj
*Antoni (Abram) Kofman* (1865 – 1940) – 150 jaroj
*Universalaj Kongresoj de Esperanto* – 110 jaroj
*SEJM* (Sovetia Esperantista Junulara Movado) – 50 jaroj
*Tiĥvina E-klubo* – 40 jaroj
12.01 – *Vasilij Eroŝenko* (1890-1952) – 125 jaroj
15.01 – *Danielo Kolker* – (1935-2010) – 80 jaroj
21.01 – *Vladimir Bespalov* – 75 jaroj
03.02 – *Paul Ariste* (1905-1990) – 110 jaroj
09.02 – *Grigorij Demidjuk* (1895-1985) – 120 jaroj
09.02 – *Henrik Seppik* (1905-1990) – 110 jaroj
09.02 – *Anatolij Surnakin* (1940-2012) – 75 jaroj
11.02 – *Sergej N. Kuznecov* – 70 jaroj
14.02 – *Igorj Fejgin* – 60 jaroj
24.02 – *Moskva Esperanto-Asocio "MASI"* – 20 jaroj
27.02 – *Ĵomart Amzejev* – 60 jaroj
01.03 – *Boris Kondratjev* – 55 jaroj
11.03 – *Vladimir Sibircev* – 80 jaroj
14.03 – *Viktor Grigorjev* (1925-2007) – 90 jaroj
14.03 – *Aleksandr Milner* – 65 jaroj
19.03 – *Leo Ĵirkov* (1885-1963) – 130 jaroj
03.04 – *Georgij Teterin* (1905-1972) – 110 jaroj



14.04 – *David Armand* (1905-1976) – 110 jaroj
19.04 – *Aleksandr Saĥarov* (1865-1942) – 150 jaroj
19.04 – *Vladimir Terjoĥin* – 80 jaroj
01.05 – *Viktor Ĵavoronkov* (1885-1938) – 130 jaroj
04.05 – *Viktor Kandalinskij* – 65 jaroj
08.05 – *Galina Terentjeva* – 55 jaroj
19.05 – *Sergej Derevjanniĥ* – 50 jaroj
21.05 – *Vera Vlasova* – 60 jaroj
01.06 – *Dmitrij Ŝevĉenko* – 30 jaroj
09.06 – *Vladimir Derevjanko* – 70 jaroj
10.06 – *Timofej Ŝuvajev* (1915-2001) – 100 jaroj

17.06 – ***Vladimir Samodaj*** – 80 jaroj
26.06 – ***Jelena Lebedeva*** (1965-1997) – 50 jaroj
15.07 – ***Vladimir Ŝmurlo*** (1865-1931) – 150 jaroj
15.07 – ***Dmitrij Oŝĉepkov*** – 50 jaroj
17.07 – ***Valentina Zaĥarova*** – 60 jaroj
24.07 – ***Vadim Ĥmelinskij*** (1935-2010) – 80 jaroj
10.08 – ***Natalja Ivanova*** – 60 jaroj
14.08 – ***Mikaelo Lineckij*** – 70 jaroj
17.08 – ***Aleksandr Fjodorov*** – 60 jaroj
26.08 – ***Darja Obrazcova*** – 30 jaroj
10.09 – ***Jevgenij Ajsberg*** (1905-1980) – 110 jaroj
11.09 – ***Irina Kirina*** – 50 jaroj
12.09 – ***Anatolo Gonĉarov*** – 75 jaroj
25.10 – ***Viktor Laptev*** – 75 jaroj
03.11 – ***Oljga Semjonova*** (1955-2005) – 60 jaroj
06.11 – ***Oleg Kuznecov*** (1965-2001) – 50 jaroj
30.11 – ***Ljudmila Lopatina (Bokarjova)*** – 80 jaroj.
01.12 – ***Svetlana Smetanina*** – 65 jaroj
06.12 – ***Liana Tuĥvatullina*** – 40 jaroj
10.12 – ***Nikolaj Danovskij*** (1905-1988) – 110 jaroj
13.12 – ***Andrej Liskov*** – 50 jaroj
14.12 – ***Herbert Muravkin*** (1905-1937) – 110 jaroj
24.12 – ***Stanislav Kotljarov*** – 80 jaroj
27.12 – ***Aleksandr Mikiŝev*** – 55 jaroj
28.12 – ***Karina Gerlaĥ*** – 20 jaroj



***La Novjara festeno en la Kieva E-klubo "Esperanto"***